The
# British Esperantist

THE OFFICIAL ORGAN OF THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION

Vol. XXXVI, No. 517/518 MAY/JUNE, 1948

## PRI DERIVOJ

Ĝis nun aperis du-tri gravaj vortaroj, klarigantaj la signifojn de Esperantaj vortoj en la lingvo mem kaj ne nur en iu nacia lingvo. Tiel ili similas la ordinarajn naciajn vortarojn, uzatajn de la hejmlingvanoj en ĉiu lando. Alivorte, la Esperantista popolo havas proprajn klarigajn vortarojn por sia propra lingvo.

La plej gravaj el tiuj verkoj estas *Plena Vortaro*, ĵus represita en Francujo: kvankam certe ne plena en la preciza senco de tiu vorto (eble tute plena vortaro neniam aperos, ĉar ĉu iam necesos, aŭ eblos, enmeti ĉiujn teknikajn terminojn en unu grandegan verkon tiaspecan?), ĝi tamen estas valorega verko: plue, pligrandigita kaj ilustrita eldono nun prepariĝas, kvankam la dato de ties apero devas resti nedifinebla pro diversaj kialoj. La eldonistoj estas kore gratulindaj pro tiu planita daŭrigo de ilia granda entrepreno.

Sed tute alia speco, aŭ almenaŭ pli ampleksa speco, de vortaro kredeble aperos je iu estonta dato—eble nur post multaj jaroj, kiam la lingvo havos multe pli da uzantoj ol nuntempe. Tiu estos *etimologia* vortaro, verkita laŭ la principoj de la naciaj etimologiaj vortaroj, kiuj iagrade klarigas la devenojn de la vortoj, kaj ne nur iliajn signifojn en moderna uzado. Ĉe Esperanto, kompreneble, la unua deveno montrota por ĉiu radiko estus la internacia aŭ nacilingva vorto, kiu(j)n ĝi reprezentas: kaj la kompilantoj devos decidi—aŭ laŭ ĝeneralaj principoj, aŭ por ĉiu aparta Esperanta radiko—laŭ kiu grado ili iru malantaŭen en la historion de la koncernaj vortoj. Ekzemple, montrante ke *bird'* venas el la angla vorto *bird*, ĉu ili haltu tie, aŭ ĉu ili citu la anglosaksan formon—kaj se jes, ĉu ili ankaŭ menciu ties konjekteblan devenon laŭ anglaj etimologoj? Ĉe *kravat'*, ĉu ili aludu nur al la franca kaj angla, aŭ iu alia lingvo enhavanta tiun radikon en la sama senco, aŭ ĉu ili klarigu ĝian etimologian rilaton kun la *kroatoj*? Ĉe *ĉokolado*, ĉu diri nur ke ĝi estas internacia vorto prenita el iu meksikia lingvo, aŭ ĉu klopodi havigi detalan klarigon de la signifo aŭ origino de la meksikia vorto mem? Ĉe *telefon'*, ĉu simple nomi ĝin internacia vorto, aŭ ĉu ankaŭ klarigi kiel kaj kial oni fabrikis ĝin el grekaj radikoj en la 19a jarcento? Ĉe *elektr'*, ĉu klarigi ke la malnova greka vorto signifas *sukceno*, kaj kial oni elektis ĝin por la moderna teknika senco? Ĉe vorto veninta rekte aŭ ne rekte el latina formo kiu esence estas mem kunmetaĵo (ekz. *konspiri*), ĉu difini ĝin nur kiel internacia formo el latina fonto, aŭ ĉu analizi la latinan vorton mem, kaj mencii la prasignifojn de tiu vorto kaj de ĝiaj elementoj? Kaj tiel plu. Evidente la etimologia vortaro povus kreski preskaŭ senfine, se oni ne starigus iom severajn limojn—cetere, ĉe multaj radikoj, devige arbitrajn.

Sed la nuna artikolo celas, precipe, ilustri la eblan traktadon, en tia verko, de unu aparta kategorio de radikoj, t.e. radikoj prenitaj rekte kaj entute el naciaj kunmetitaj formoj, kaj unuavide neniel analizeblaj por alilingvanoj—eĉ ne ĉiam por samlingvanoj sen speciala scio pri derivoj. Sekvas, do, kelkaj tipaj ekzemploj el tiu kategorio:—

*basbalo*. El angla *baseball*, t.e. *baz-pilko*. Ĉu en la vortaro oni klarigu la kialon de la lud-nomo, kaj ĉu ankaŭ detalu la derivojn de la du anglaj vort-elementoj?

*buldogo*. El angla *bulldog*, t.e. *virbovhundo*. (La franca *bouledogue* estas nur francigita formo de la angla). Ĉu oni klarigu, ke la nomo ŝuldiĝas al la uzo de tiu raso de hundo en antaŭa tempo por turmenti virbovojn? Plue, ĉu oni detalu la etimologion de la anglaj vortoj *bull* kaj *dog*? (Noto: la Esperanta vorto *dogo* signifas alian specon de hundo—angle *mastiff*, france *dogue*—kaj ne rekte rilatas al *buldogo*).

*drednaŭto*. El angla *dreadnought*, t.e. *timu-nenion*. Ĉu klarigi la devenojn de la anglaj vort-elementoj ? Apenaŭ necese, sed oni povus klarigi ke la angla vorto estas la nomo de tipa militŝipo de la koncerna speco—kaj eble plue, ke ĝi iam antaŭe estis uzata, interalie, por sentima persono.

*futbalo*. El angla *football*, t.e. *pied-pilko*. Ĉe ĉi tiu kaj diversaj aliaj vortoj de la nun diskutata speco, oni povus diri ke ilia apero en Esperanto ŝuldiĝas al jam establita plena internacieco. Sed, ĉu oni klarigu la etimologion de la nacilingvaj vort-elementoj (ĉi-kaze *foot* kaj *ball*) ?

*ĝendarmo*. El franca *gendarme*, origine mallongaĵo por *gens d'armes*. Eble apenaŭ necesus klarigi al Esperantistoj la signifon de *armes*, sed ĉu ion diri pri *gens* ?

*lokaŭto*. El angla *lock-out*, t.e. *locking-out*=*ŝlosado el*=*el-ŝlosado*. Ĉu plue klarigi, aŭ priskribi la proceddon mem ?

*odekolonjo*. El franca *eau de Cologne*, t.e. *akvo de Kolonjo*. Ĉu valorus klarigi, kial la parfumo tiel nomiĝis : ĉu ankaŭ, doni la derivojn de la franca vorto *eau* kaj la urbnomo, vidante ke nek unu nek la alia ion aldonas al la signifo de la termino ?

*orangutango*. El malaja kunmetita nomo por la besto, laŭdire signifanta *homo de la arbaroj*. Ĉu ion aldoni pri malajaj vortoj aŭ esprimoj ?

Tiuj ekzemploj devas sufiĉi por la nuna okazo, sed estas multaj aliaj samspecaj vortoj, kiel *aĵura, bareliefo, bifsteko, framasono, katgoto*, kaj *rendevuo*, por mencii kelkajn. Plue—por reiri al pli simplaj formoj—estas multaj radikoj kiuj bezonus specialan traktadon pro diversaj kialoj, kaj certe iom da detala informo pri devenoj de la naciaj aŭ internaciaj formoj mem. Ekzemple, oni povus verki sufiĉe longajn klarigojn pri vortoj kiel *algebro, amoniako, fiakro, kanibalo, redingoto, striko, viskio*, k.t.p. Unu aparte interesan ekzemplon el tiu kategorio mi pritraktos por fini la nunan artikolon : la vorto *tandemo*, kiu en etimologia vortaro oni devus klarigi plimalpli jene :—

*tandemo*. Internacia : el angla *tandem*, kun sama (kaj sola) signifo. La origino de tiu vorto estas vere eksterordinara : ĝi estas la latina adverbo *tandem*, t.e. *finfine*, sed unuavide ne povas esti ia interrilato de la du ideoj, *finfineco*, kaj *sinsekveco* (de ĉevaloj k.t.p.) en tandema aranĝo. La klarigo estas angla vortludo, ŝajne farita en la 18a jarcento. La ĝusta angla traduko de la latina vorto estas *at last* aŭ (samsignife kaj alternative) *at length* : la vorto *length* ankaŭ signifas *longeco*, kaj la vortludanto aplikis tiun signifon, pro la ekstra longeco de la aranĝo de du ĉevaloj sinsekve ĉe veturilo, al la latina vorto, kaj uzis tiun vorton *tandem* kiel ŝercnomo. Poste ĝi fariĝis teknika termino por angloj kaj ankaŭ aliaj nacioj.

Mi nur tuŝis la randon de vasta kampo, certe esplorinda, kaj esepereble esplorota en estontaj jaroj de iuj etimologoj Esperantistaj, kun multe da tempo kaj pacienco. En sia tuteco ilia tasko estus ja grandega. Tamen eĉ nuntempe, la parta esploro de la kampo povas provizi allogan distraĵon por kelkaj el miaj legantoj kiuj ĝis nun ne multe atentis la temon.

VERDANO.

## BROADCASTS IN ESPERANTO

The list in the current *Esperanto*, if correct and average, shows three Esperanto broadcasts daily, six weekly, three twice weekly, one thrice weekly, three monthly : yearly total, 1902. Duplications at other wave-lengths give a further 609, total 2511. It is time the B.B.C. woke up !

In Kingston on Thames, with a Goblin set taking short waves 15–53m., I can now hear the following Esperanto broadcasts clearly (1182 yearly). Times (given in British Summer Time p.m.) are subject to change.

**DAILY :**

6.15–6.30, Paris 41.21m
9.0–9.15, Praha 49.92m

**MONTHLY :**

4.0–4.15, Sweden 27.83m (1st Sun.)
10.0–10.30, Verda Stacio, 325m (1st Mon.)
5.30–5.45 ?, Hilversum 415m (2nd Fri.)

**WEEKLY :**

**Mon.** 9.50–10.0, Praha 470.2m
11.30–11.35, Budapest 549.5m
**Tues.** 6.45–6.50, Bern 48.66m, 25m
**Wed.** 9.10–9.25, Warsaw, 49.06m
11.30–11.35, Budapest, 549.5m
**Thurs.** 6.45–6.50, Bern, 48.66m, 25m
9.50–10.0, Praha, 470.2m
**Fri.** 11.30–11.35, Budapest 549.5m

*Warsaw, Sweden, Verda Stacio* : occasional interruption by morse or other programmes. *Praha* : well or moderately audible, but marred by unorthodox land-names and political propaganda. *Paris, Bern* : uniformly and in every way excellent. *Praha* 1945*m*, *Brazil, Vienna, Sofia, Hradec Králové, Ostrava*, I can hear hardly or not at all. Elsewhere in Britain, or with other sets, reception will of course differ for better or worse.

*The Verda Stacio* is brilliant Esperanto "Third Programme". *Bern* broadcasts in June may be earlier (6.25–6.30).

How many readers listen to these broadcasts ? How many report reception (as asked) ?

M.C.B.



ROBERT ROBERTSON, F.B.E.A.
20/11/1861—27/2/1948

Kun tre granda bedaŭro ni anoncas la morton de Robert Robertson, Vicprezidanto de B.E.A. Li Esperantistiĝis en 1906, kaj de tiu tempo li ĉiam estis vigla laboranto por nia movado. Dum sia esperantista vivo Robert Robertson okupis multajn oficojn, kiujn li akceptis ne kiel honorojn, sed ĉar ili donis al li la okazon fari eĉ pli da laboro. En 1908 li komencis instrui la lingvon; en 1909 li fondis la Wood Green Esperanto Society; en 1914 li elektiĝis kiel Konsilanto de B.E.A., kies Honora Kasisto li estis en 1922, Prezidanto en 1931, Honora Kasisto denove en 1937, kaj Vicprezidanto en 1939. Ĝis proksimume unu jaro antaŭ sia morto li estis membro de la B.E.A. Agad-Komitato, kaj spite siajn jarojn ĉiam estis preta batali tra la plej malbona vetero por ĉeesti gravajn kunsidojn. Li krome estis Honora Vicprezidanto de la *Londona Esperanta Klubo*, Prezidanto de la *Esperanto Publishing Co., Ltd.* de ĝia estiĝo, kaj fondinto de *Denaska Esperantistaro*, per kiu lasta li disvastigis sian plej karan ideon, ke estu generacio de homoj por kiuj Esperanto estas la denaska gepatra lingvo.

Esperanto ne estis por li la sola bonfara okupo, ĉar li interesiĝis pri ĉio, kio estas progresema aŭ povas plibonigi la staton de liaj kunvivantoj. Kiel ekzemplojn ni citu lian laboron por la Wood Green Congregational Church, por la Dr. Barnardo's Homes, kaj lian pioniran studadon kaj instruadon de Pitmana stenografio.

Li estis bone konata ĉe Esperanto-kongresoj, ne nur ĉar li estis tute elstara kiel vigla laboranto, sed ankaŭ ĉar li estis ĉiam amika kaj helpa: se parolis kun li komencanto, li havis kuraĝigajn vortojn; se venis spertulo, li estis preta diskuti la plej komplikajn temojn.

Li postlasas ĉie en la mondo multajn geamikojn, kiuj neniam forgesos lin, kaj kiuj honoros lian memoron per eĉ pli forta kaj arda laboro por nia Afero.

A.C.O.

## ORO KAJ ARĜENTO

Kiu ne spertas, dum la nunaj tagoj, ke mono—kontanta mono—ne fluas tiel libere, kiel antaŭ du-tri jaroj? Se vi tion dubas, demandu al la butikisto, la komercisto, la dommastrino! Demandu al la B.E.A.!

Sendube tiu mona malabundo estas tio, kio malhelpas al niaj donemaj amikoj subteni la Propagandan Kason tiel grandsume, kiel antaŭe. Komprenante la situacion, ni tamen faras proponon, laŭ kiu almenaŭ kelkaj membroj certe povus helpi la Propagandan Kason, eĉ se ili ne povas sendi monon aŭ ĉekon. Preskaŭ ĉiu posedas ian valoran objekton el oro aŭ arĝento, kiun li ne plu uzas kaj ne vere bezonas. Tiaj objektoj povus helpi al nia propagando.

Ni invitas vin serĉi en via trezorujo, kaj malavare sendi al la B.E.A. objekto(j)n valora(j)n—broĉon, kolringon, cigaredujon, orĉenon — ion ajn! Unu komitatano, aŭdinte pri ĉi tiu propono, hejmeniris kaj tuj eltrovis du antikvajn kulerojn, por kiuj la Kaso jam ricevis konsiderindan sumon. Kiu sekvos tiun imitindan ekzemplon?

Bonvole sendu la objektojn per registrita poŝto al la sekretario, B.E.A., 140 Holland Park Avenue, London, W.11. Aŭ, se vi tion preferus, vi mem monigu vian donacon kaj sendu monon. Tre sincere ni vin antaŭdankas.

R.B.W.

## AL LONDONAJ KRISTANOJ

La Esperanta Diservo en Londono okazas la duan dimanĉon ĉiumonate, je 3.15, en la preĝejo St. Barnabas, Plimlico Rd., S.W.1 (apud Sloane Square kaj Victoria, buso 11 de Liverpool St.) Ĝi nun okazis preskaŭ seninterrompe sum 39 jaroj: kaj oni esperis festi ĝian 40an datrevenon en 1949. Sed pro deviga translokiĝo al loko malpli centra, kaj morto aŭ foriro de antaŭaj kondukintoj, estas nun tre eble, ke baldaŭ oni ne povos ĝin daŭrigi. Ĝi sorto dependas de la Londona Kristanaro mem. Aparte bezonata estas helpant(in)oj pretaj konduki la Diservon. Detaloj ĉe la Hon. Sekretario, E. B. Johnson, 43 Huxley Gardens, N.W.10. Se pro manko de subteno oni devos ĉesigi la Diservojn, tion bedaŭri poste estos tro malfrue.

# PROPER NAMES (II)*

## TRANSLATION OF NAME-MEANINGS

When a descriptive name is international; *i.e.*, many languages use terms of their own with the same meaning, Esperanto does the same. *E.g.*, **Nigra Arbaro**; **Blanka Monto, Nigra Maro, Meza Maro, Novjorko, la Nigra Princo, Alfredo la Granda.** It is satisfactory to call *Mer Rouge* (*Red Sea*) **Ruĝa Maro,** because most languages so name it. But to translate *Gris-Nez* by **Griza Nazo** is more doubtful, because most other languages retain the French form unchanged.

Wholesale translation is not advisable. **Malkara Flanko** (*Cheapside*) would be an insoluble enigma for the postman—and would also be etymologically incorrect. It would be unwise to represent *Bath* by **Bano**, or *Trouville* by **Truurbo.** And to translate *Newtown, Villeneuve, Neustadt, Novgorod,* all alike by **Novurbo,** would confuse things that differ. Esperantists in *Southend* or *Bath* may speak of **Suda Fino,** or call themselves **Bananoj,** in the local circle, but not elsewhere. For the postman *Bydgoszcz* and *Nether Backwash* must stand thus. And on the envelope, after the Esperanto name **Hispanujo,** it is well to add the landname in the language of the country in which the letter is posted (*Spain* in England, *Espagne* in France).

## TRANSLATION (BIBLICAL NAMES)

In *La Biblio* a compound name is sometimes reproduced without translation: **Abed-Nego, Beer-Ŝeba, Ben-Hadad, Bet-El, Ebed-Meleĥ, El-Paran, Kirjat-Arba, Pot-i-Fera, Ramat-Leĥi, Tubal-Kain.**

Sometimes it is translated, with a hyphen: **Dio-kiu-min-vidis** (Gen 16/13); **Eternulo-Tie** (Jeĥ 48/35); **Rapidu-Akiri-Baldaŭ-Rabado** (Jes 8/3); **Teruro-Ĉirkaŭe** (Jer 20/3), **Vivanto-Vidanto** (Gen 16/14). Or without a hyphen: **La Meza Pordego** (Jer 39/3). **La Ruĝa Maro**; **La Sala Maro** (Jos 3/16); **La Eternulo estas nia justeco** (Jer 23/6), **La Eternulo estas paco** (Juĝ 6/24), **La Eternulo mia Standardo** (El 17/15), **La Eternulo Vidas** (Gen 22/14).

In some cases such translations make a passage clear in the Esperanto Bible which is obscure in English. Sometimes a proper name in English is not treated as a proper name in the Esperanto version. It is a very great pity that Zamenhof did not give (in brackets or in the margin) the meaning of untranslated names (which convey nothing to the reader ignorant of Hebrew) in cases where, if it is not known, the whole passage is meaningless. One of the things that make Moffatt's English translation very helpful is the way in which he gives such translations in brackets. See Moffat, for example, at Gen 11/9; 16/11; 17/5, 15, 19; 19/22; 21/31; 25/25, 26, 30; 29/32–25; 30/6–13, 18–24; 33/17; 35/8, 18, 22. And note his translation *Ringdove, Cassia*, and *Apple-scent* (Job 42/14).

## SEMI-TRANSLATIONS (HYBRIDS)

Either Esperantize fully: (**Kromvèlo, Kromveloj, Kromvelon, Kromvela**), or not at all (**Cromwell**); but do not mix the two methods (**Kromvel,** or **Kromwell,** or **Cromvelo**). In the same way we may use **futbalo** or **piedpilko,** but not a hybrid **footpilko** or **piedbalo.** Do not translate *bridge* in *Cambridge*, or *La Roche* in *La Rochefoucauld.*

## UNASSIMILATED NAMES

Sometimes the Zamenhofan Biblical names are assimilated: *e.g.*, **Damasko, Jeriĥo, Josuo, Moseo, Salamono, Samario, Satano.**

But generally (and especially in his later translations) Zamenhof transliterates the name without assimilation, reproducing the sound of the Hebrew name as closely as may be. The name may end with a consonant:

**Aaron, Abimeleĥ, Abraham, Adam, Amos, Asaf, Aŝer, Babel, Balak, Benjamin, Boaz, Dan, Daniel, David, Eden, Efraim, Esav, Gad, Habel, Hagaj, Ĥabakuk, Ĥanoĥ, Ijob, Izrael, Jakob, Jeĥezkel, Jerusalem, Joel, Jozef, Kain, Laban, Lot, Metuŝelaĥ, Moab, Nabot, Naĥum, Ruben, Samuel, Saul, Sinaj,**

Or with a vowel:

**Elija, Gomora, Jona, Tekoa; Jefune, Mamre, Manase, Nineve, Rabŝake; Eli, Gehazi, Jehudi, Levi, Naftali, Omri, Ŝimei, Zimri; Nebo; Elihu, Jehu.**

Opinions differ as to the place of the accent in such names. It has been said (*Heroldo* 1929/38) that they ought to follow the accent of the original Hebrew, or that indicated by the meaning of the word (just as, in English, *Deutero***no***my* is undoubtedly better than the usual *Deute***ro***nomy*). But if one does not know Hebrew, how is one to do this? Other solutions have been proposed. The simplest and perhaps the best solution is to apply the Esperanto accent on the penultimate to them all: *Jeru***sa***lem, Abi***me***leĥ, Da***ni***el, Ef***ra***im, Naf***ta***li.* But, of course, in the accusative, *Jerusa***le***mon.* National accentuations differ. In Hebrew it is usually, but not always, on the last syllable. See *Kristana Gazeto,* 1933–4.

---

* *See "B.E." July,* 1947

## GRAMMATICAL TREATMENT

It is not necessary to use a grammatical ending after an unassimilated name (which is a foreign word); but an ending or a suffix may be added if desired (with or without an apostrophe or a hyphen. La **Newtona** teorio. Du famaj **Cromwelloj** (or, **Cromwell**); li vizitis **Cromwellon** (**Cromwell**); **Oxfordano.**

In *La Biblio* Zamenhof thus added a grammatical ending to non-assimilated names.

*ADJECTIVES, ADVERBS.* La Eden**a** ĝardeno; la lando Egipt**a**; la dezerto Gibeon**a**; la Jeriĥ**a** Jordano; la lando Kanaan**a**; tiu Moab**a** urbo; en la landon Ararat**an**; la gentoj Kanaan**aj**; Jehoŝafat faris Tarŝiŝ**ajn** ŝipojn. Iliaj infanoj duone parolis Aŝdod**e**, kaj ne povosciis paroli Jud**e**.

*ACCUSATIVE AFTER A CONSONANT.* Here Zamenhof added **on.** Faraono alvokis Abram**on**; la Eternulo vokis Adam**on**; li iris en Aŝkelon**on**; Balak prenis Bileam**on**; Isaak amis Esav**on**; al Mahir mi donis Gilead**on**; La Eternulo atentis Habel**on**; la reĝo eminentigis Haman**on**; Rebeka amis Jakob**on**; Ili vokis Lot**on**; Ŝi naskis Kain**on**; meti la manon sur Mordeĥaj**on**; atingi Ŝeol**on.**

*ACCUSATIVE AFTER A VOWEL.* Here Zamenhof added **n.** La Eternulo pereigis Gomora**n**; li eksekvis Elija**n**; la loto trafis Jona**n**; Dio sendis Noa**n**; li benis Rebeka**n**; Joab sendis en Tekoa**n**; li vokis Gehazi**n**; (ili) sendis Jehudi**n**; la popolo elektis Omri**n**; por voki Ŝimei**n**; Jehu**n** sanktoleu.

---

Other names may be treated in the same way: Li volis preĝi Patronia**n** (Fab. II 54/16). Mi vidis Tolstoj**on** (Robinson**on**). If the name is unphonetic, a hyphen may be useful: Schiller-**on**, Seine-**on**; Shakespeare-**on**. But, as already said, an unassimilated name may remain unchanged: Mi vidis Bordeaux. Du famaj Cromwell. Ĉu vi konas Arturon Brown? Mi vidis Smith hieraŭ. Tio ne koncernas la U.E.A.

In "La Strato de la Fiŝanta Kato" are inconsistencies of usage: Annuŝ amas **Vaŝja** (66) (**Vaŝjan** would be better, because clearer). Georgo atendas **Pia** (145) (better, **Pian**). Cp. Ĉu vi amas **Piŝtan**? (147). And **Jani-n, Klari-n** (204) would be better **Janin, Klarin.**

In quoted titles the accusative is not needed: the quotation marks or underlining (expressed or understood) take them out of the grammatical framework of the sentence. Ĉu vi legis (la verkon) **Karlo**? Kantu al ni **La Espero.** Kiu kriis **"Perfidulo!"**?

A proper name may of course take the plural if used as a common noun: (Individuojn kiaj) *Homeroj* aŭ *Pindaroj* ne troviĝas nuntempe.

## CLASSICAL NAMES

The uniform transcription of Greek and Latin classical names is an unsettled problem. One meets, for example, **Herakleo, Herkulo, Herkuleso.** And so on. Various lists have been compiled, but they differ. See *Enciklopedia Vortaro*, Preface, 46/51; and discussions in *Lingvo Internacia*, 1905/555; *B.E.*, 1906/55 and 1908/160; *Germana Esperantisto*, 1908/84. Such names are certainly "suitable for assimilation".

## VARIOUS NAMES

**BUDAO : BUDHO.** In a controversy in the Japanese *Revuo Orienta* (1932–4) most writers supported the form **Budao** (**Budaismo, -isto**) as phonetically better, while **Budho** (graphically more international) is less easy to say. **Budao** is used in *Revuo Orienta* and in *Budaisma Fakvortaro* (Japan, 1934), and seems to be gaining ground.

N. Kohara, however, strongly supports **Budho** (**Budao**—he says—is ugly, misplaces the accent, and creates awkward derivatives, *e.g.*, **Budaa.** We say **darmo, nirvano, sutro,** not **darmao, nirvanao, sutrao.** And **Budho** is really quite easy to pronounce). The British *Budhana Ligo* in its organ *La Budhismo*, and Esp. literature generally, have used **Budho.** Dictionaries disagree. The Buddhist world must decide this question for itself. The forms **Buda, Budo** (cp. **budo**), **Buddo, Budeo, Budhao,** have no support.

**JESUO : JEZUO.** *FOR JEZUO:* Between two vowels Esperanto generally uses **z,** not **s** (*e.g.*, muziko). Cp. **Jezuito.** The sound **z** is more international in this name; even some languages, *e.g.*, English, that write **s,** pronounce **z.** J. M. Warden supported **z,** but advocated **Jezo** (**Jezo-Kristo**).

*FOR JESUO:* Danish, Spanish, Swedish, Welsh, have no **z**-sound. Most languages write the name with **s,** very few indeed with **z.** Graphism is here important. Most Esp. literature (*Biblio, Komuna Preĝo, Himnaro*, etc.) uses **Jesuo**: so also Zamenhof (Rab 7/1; OV 329, 330). Esp. does not invariably use **z** between two vowels: (*e.g.*, **Josuo, Moseo, asert, desegn, risort**). There is a doctrinal parallel between **Josuo** and **Jesuo.** And with the proposed **Jezo,** imagine the

inevitable abbreviation: *Tiam venis* **Jez'** *kaj sidis en la mez'!* The form **Jesuo** has won in practice, though in Germanic lands **Jezuo** is still sometimes met.

**ZAMENHOF : SAMENHOF.** Zamenhof altered his own name from the original Germanic **Samenhof** to **Zamenhof,** to make it conform to Esperanto orthography (OV 427).

## MASCULINE NAMES

Some names (by usage or association) are masculine. *E.g.,* **Andreo, Georgo, Henriko, Jakobo, Jozefo, Johano, Luko, Marko, Mateo, Paŭlo, Petro, Timoteo, Tomaso, Vilhelmo.**

## FEMININE NAMES

Some names (by usage or association) are feminine. *E.g.,* the Biblical **Abigail, Dorkas, Elizabeto, Ester, Hagar, Izebel, Mirjam, Naomi, Raĥab, Raĥel, Rut, Salome, Vaŝti**; and those listed below (**Debora, Delila . . .**). Feminine are also—

**Agat, Agnes, Alic, Ameli, Ami, Ann, Arabel, Beatric, Dian, Dor, Dorote, Edit, Eleanor, Eliz, Etel, Filis, Gertrud, Gladis, Helen, Hild, Ifigeni, Iren, Klar, Katerin, Klotild, Laŭr, Lidi, Lili, Liz, Margaret, Marian, Matild, Muriel, Nor, Ofeli, Roz, Rozali, Silvi, Sofi, Terez, Viktori, Vinifred, Virgini,** whether they end with **-o** or with **-a.** Also **Dolores, Judit, Karmen, Niobe, Zoe,** and the like.

## FEMININE NAMES WITH -IN

Some feminine names are formed from the masculine by the suffix **-in.** Often this is international. *E.g.,* **Aleksandr- (Anton - Cecil - Emil - Ernest - Georg - Henrik - Jozef - Johan - Karol - Klaŭd - Klement - Ludovik - Paŭl - Robert - Stefan - Tomas - Viktor - Vilhelm-)ino.**

## OTHER PROPOSALS

**Mario** is generally used for *Mary.* But in Italian *Mario* is a masculine name. **Mariino** would be uninternational, while—especially in the Roman Catholic world—**Maria** is international. **Marto** reminds one of the month. **Ludovikino** is longer than **Luizo** or **Luiza**; **Aŭgustenino, Martenino,** and the like, are rather long.

Such considerations led Kalocsay (P.G. and elsewhere) to propose that (with the exception of a few names like **Agnes, Naomi, Raĥel**) all feminine names should end with **-a.** Thus:

**Ada Antonia Berta Bernarda Elvira Emma Eŭgenia Eva Franciska Gabriela Georga Greta Henrieta Ida Izidora Johana Jozefa Karola Kornelia Livia Lucia Ludovika Maria Marta Monika Natalia Paŭla Simona Stefana Suzana Teodora Valeria Viktoria Vilhelma.**

The proposal is attractive, and avoids ambiguity in cases where a name in **-o** might be either masculine or feminine *e.g.,* **Aŭrelio, Valerio** (In English much confusion arises with similar names: *Francis, Frances;* and with names like *Evelyn, Leslie, Pat,* used for masculine and feminine alike).

Such names in **-a** may of course be used legitimately. But they are NOT Esperanto names: they are unassimilated foreign names outside the language. In Esperanto nouns end in **-o,** and adjectives in **-a,** and no rule that feminine nouns end in **-a** is admissible.

Kalocsay supports his proposal by saying that Zamenhof has used several feminine names ending with **-a.** *E.g.,* in *La Biblio* we have **Debora, Delila, Dina, Eva, Ĥana, Jemima, Ketura, Lea, Penina, Rebeka, Sara . . .** and in the N.T. **Lidia, Maria, Marta, Roda, Suzana**; also there is the book **Marta.** But in all these names the ending **-a** is coincidental. It is a part of the unassimilated foreign name, and does not in any way indicate femininity. The following Biblical names, for example, are masculine:

**Adonija, Aĥazja, Amasa, Asa, Asaja, Azarja, Baaŝa, Benaja, Cefanja, Ceruja, Cidkija, Ela, Eliza, Eliŝa, Elkana, Ezra, Gegalja, Hilkja, Hoŝea, Ĥananja, Ĥizkaja, Jehojada, Jehuda, Jeremia, Jesaja, Jona, Joŝija, Miĥa, Neĥemja, Noa, Obadja, Remalja, Seraja, Sisera, Ŝebna, Ŝemaja, Tobija, Uzija, Urija, Zeĥarja,** and many others.

The names **Abija** and **Miĥaja** are both masculine and feminine. **Gaza, Gilboa, Golgota, Gomora, Morija, Pisga, Rama, Tekoa . . .** are place-names.

When Kalocsay revised the story *Ĉu Li?* and altered the name of the heroine from **Jozefino** to **Jozefa,** he not only used a less international form, but also as it were introduced an entirely different girl into the story.

In derivations, also, the form **-a** is inconvenient. From **Elizabeto** one can form the adjective **Elizabeta** (**Elizabeta** modo: *Elizabethan fashion*). But **Elizabetaa**? We can speak of **Jozefa** vesto (*Joseph's coat*) and **Jozefina** bluzo. La **Johana** evangelio. But **Jozefaa**? **Johanaa**?

Mr. P. Carriere has recently proposed that all feminine names should end with **-eso** (English *-ess*). Thus: **Marieso,** *Mary,* **Terezeso.** But there has been no response to this suggestion. Even English does not say *Maryess*!

---

With personal names, as with place names, there can be no hard and fast rule. Some names are international and assimilable; others are individual or national and unassimilable. Some are by nature masculine, others feminine. They are foreign words, rather than an essential part of the language; and in Esperanto,

as in other languages, the solution of the problem may differ with name and circumstance.

(*To be continued*)

---

## WHEN YOU TRAVEL BY THE TRAIN . . .

Older members will probably remember the old *Answers* jingle, but whether you remember it or not I wonder what you do under such circumstances. If you act as I do, you probably read a paper for some time, get tired of it, look at your fellow-passengers, wondering what they are thinking about, glance at the passing scenery, look at the pictures opposite you until you are bored stiff, and then calculate for the umpteenth time how long it will be before you arrive at your destination.

Some such thought was probably in the mind of one of our members when he recently suggested that we should advertise Esperanto in railway carriages. This is no new idea, but it has never been put into operation because of the cost. He was very much surprised when given the following information.

Such advertising can be done only if at least 100 panels are taken. The cost for exhibition was approximately £1 per panel per annum, and it may now be higher. To this must be added the cost of preparing and printing a suitable advertisement, so that the final cost may easily exceed £150.

On the other hand he thinks, and so do most of the Executive Committee, that this form of advertising may be well worth while. We should like to try it, but our present resources will not permit this. The proposer has offered to give £5 to make a trial possible if another 19 members will do likewise. One member of the Committee immediately offered to be No. 2, so that 18 similar conspirators are still required. If you are willing to be one of these, will you please send your promise or your cheque to the B.E.A. secretary, so that we can see whether there are sufficient supporters to enable us to try out the plan.

Even if you cannot afford to be one of the £5 donors, any smaller amount you care to send will be very much appreciated, as it will help to cover the cost of printing, etc. Do not forget that all forms of advertising have a much enhanced value while our film is being shown, so that a big effort now may give much better results than similar expenditure a year or two hence.

C.C.G.

## MORTOJ

**Cocks**—Je 11 Februaro, en Antverpeno, Anthony Cocks, Esperantisto de 1905.

**McCracken**—Je 4 Julio, 1947, David M. McCracken, Glasgow, membro de 1922.

**McLaren**—En Februaro. S-ro R. J. McLaren, Christchurch, Novzelando (antaŭe Glasgow), Dumviva Membro de B.E.A.

**Tendall**—Je 25 Januaro, 85-aĝa, F-ino Eliza Tendall, St. Leonards-on-Sea.

---

## SCOTTISH ESPERANTO FEDERATION

**The 43rd Annual Congress and General Meeting** will be held in the Caledonian Hotel, Aberdeen, 21–23 May. *Details* from the Sec., T. J. Mathieson, Manor House, Kirkland, Leven. *Tickets* (3/–) from the Treasurer, D. Kennedy, 3 Harelaw Avenue, Muirend, Glasgow, S.4. *Programme* : Official Welcome by the Lord Provost ; Church Service, Public Meeting, Two Social Evenings, Excursion.

---

# Small Announcements

**2d. per word. Minimum 2/- per issue. Prepaid.** *Copy must be received at B.E.A. Office by the 8th of the previous month.*

**The Workers' Esperanto Movement (S.A.T.E.B.)**—Esperanto with a purpose—world education for world socialism. Write for "The Worker Esperantist", the official organ, 3d. post free, to K-dino N. Walton, Summerfield, Wadsworth, Hebden Bridge, Yorks.

**The League of Catholic Esperantists**—Details from Hon. Sec., Norman W. Vigar, 43 Defrene Road, London, S.E.26.

**B.E.A. Literary Service**—Send stamp for particulars of facilities offered to author and students. B.E.A., 140 Holland Park Avenue, London, W.11.

**"Devon Holidays"**—Bed and Breakfast 7/6 a day, Supper 2/-. Mrs. Frith, Millcombe, Blackawton, Totnes, S. Devon.

**Ashover, nr. Matlock**—Eastwood Grange, open from April 2nd as Conference Centre and Guest House: spring interior beds; good catering; delightful amenities; congenial company. Enquiries: Herbert Jones, 44 Union Street, Sheffield 1. Stamped envelope.

**50 sheets notepaper** printed with your address, with or without green "Esperanto" star, for 2/9. Choice of styles in plain, script, or text. F. H. Soles, BCM/SOLKO, London, W.C.1.

**Libertemp-Interŝanĝo**—Juna Sveda ne-Esperantista instruisto, dezirante ricevi angla-lingvan praktikon, serĉas dusemajn-ajn restadon en junio aŭ julio ĉe Angla, prefere apudmarurba, familio, pagante, aŭ reciproke senpage gastigante unu aŭ du personojn ĉe sia apudmara somera domo iom norde de Gotenburgo antaŭ aŭ post la kongreso en Malmö. Interesatoj skribu al S-ino A. L. Goodes, 7 Osborne Close, Romford, Essex.

**Schools, Groups, and others**—For sale—several cine-cameras and projectors (Kodak, etc.), slightly used. In excellent condition. State requirements. J. Holland, 52 Springfield Road, Leighton Buzzard, Beds.

**Please help the blind** by sending used foreign and colonial stamps to Frank Thurgood, representative for the London Association for the Blind, 36 Lupus Street, Westminster, S.W.1

**Kiu Kuraĝulo** pruntos al literatur-amanto por du semajnoj la Sekretajn Sonetojn de P.P.? Plej danke ricevos, plej fidele resendos R. Rossetti, Ponciau, Wrexham.

**Kristana Asocio de Junuloj** (Triangulo Vermelho), Rua José Falcão 95, Porto, Portugalujo, havas Esp-kurson, kaj deziras kontakti aliajn Y.M.C.A.-kursojn.

**For Sale**—"Elliot" addressing machine. Time-saver for addressing envelopes, circulars, etc., £6. J. Holland, 52 Springfield Road, Leighton Buzzard, Beds.

**Films developed,** printed, enlarged. Return Service, Standard Charges, Satisfaction assured. Warner, 38 Ash-Hill Road, Torquay.

**Linguaphone** — Esperanta diskaro, (kompleta), kun murbildaro (mankas la unua), por vendo. Prezo £4, aŭ plej alta propono super £2. R. Rossetti, Ponciau, Wrexham.

**Seaside Holidays**—Bed and breakfast, 35/- per week. (40/- July, August). Children half-price. Comfortable and friendly. Rudd, 52 East Ham Road, Littlehampton, Sussex.

**The Labour Party Esperantists** ask confidently for your support. Please write H. de Vere, Bela Monto, Wrotham, Sevenoaks, Kent.

**Peaceful "Deck-Chair" Holidays** in modernized, enlarged Farm-House in beautiful Ribble Valley (Lancs.) Be energetic or lazy, as you please! Whatever the weather you'll be comfortable! Good and plentiful food. Warm rooms. Pleasant, sunny lounge. Archery, tennis, croquet, putting, etc. Pianos, radio. Full board (room with h. & c.), £4-10-0. Ni parolas Esperante! Large stamped envelope for Brochure. CLARION HOUSE, CLAYTON-LE-DALE, nr. BLACKBURN.

---

## BOOKSHOP NOTES

**Now in Stock :—**

**Lernu Esperanton** (reviewed in last "B.E."). 1s. 7d. post free.

**Kiu estas kiu inter Nordamerikaj Esperantistoj** (reviewed in Jan./Feb. *B.E.*). 5s. 2d. post free.

**La Reala Vivo de Nia Sinjoro kaj Savinto Jesuo Kristo** (reviewed in March/April *B.E.*). 3s. 3d. post free.

**Malgranda Revuo 1948 No. 1**—1s. 7d. post free.

**Ni Kantu** (el Nederlando). 109 songs, words only, 1s. 2d. post free.

**U.E.A. Seals,** round, 1¼ inch diameter, silver with green star and lettering. 9d. per 100, postage 3d. on any quantity up to 1,000.

**No. 5. Badge**—(Green star with white edges) again available. Price—button or brooch—1s. 6d. post 3d.

